# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 387 (aprilo-junio 2009)

**Ĉefredaktanto:**
Ángel Arquillos
**Kunlaboris:**
Arturo Jiménez, Félix M. Jiménez, Andrés Martín, Manuel Pancorbo, W.Gunther, A.Arquillos, Li Jianhua, Luis Serrao Pérez, Lupe Sanz, Antonio Valén, Antonio Marco Botella, Juan Azcuenaga Vierna.

**Korektado:** Alejandro Pareja
**bulteno@esperanto.es**
Calle Ánfora, 6-5º-D
29013-Málaga



Hispana Esperanto Federacio
Federación Española de Esperanto
Rodríguez San Pedro, 13, 3º, 7;
ES-28015 Madrid

admin.@esperanto.es
Tel (34) 914468079
Konto ĉe BBVA:
0182-1252-31-0204011961



## Estraro

**Prezidanto:** Arturo Jiménez Carretero

**Vicprezidanto:** Pedro Hernández

**Sekretario:** Félix Jiménez Lobo

**Kaŝisto:** Raúl Martínez Anguita

**Voĉdonantoj:** Juan Trenado Serrano,

HEJS: Miguel Hernández

Presejo:Gráficas Aurora. Zaragoza
DL-Z-334-90

## ENHAVO



**68a Hispana Kongreso de Esperanto kaj 14a Anda-luzia Kongreso 2009**

**De la 2a ĝis la 5a de Julio Malago**

**Karaj membroj de HEF,**

Nome de la estraro, mi informas vin pri la demisio de nia Prezidanto, Arturo Jiménez. Li sendis demisian leteron al la estraro de HEF, en kiu li klarigas, ke li demisias pro personaj kialoj. Konsiderante la cirkonstancojn de Arturo, kaj la fakton, ke li anoncis sian demision kiel nerevokeblan, la estraro decidis akcepti ĝin.
Surbaze de la statuto de HEF, mi, kiel vicprezidanto, transprenas provizore la taskojn de la prezidanto ĝis la venonta kongreso en Malago, kie la estraro proponos kandidaton por aprobo aŭ malaprobo fare de la ĝenerala kunsido.
Salutas vin

Pedro Hernández Úbeda
Vicprezidanto de HEF

## ASAMBLEA GENERAL ORDINARIA 26 DE ABRIL 2009

El día 26 de abril a las 10:00 en segunda convocatoria, en el Centro Dotacional Integrado de la calle Canarias, 17 de Madrid, se celebró la Asamblea General Ordinaria de la Federación Española de Esperanto con el siguiente Orden del Día:

1- Presentación de cuentas de 2008 y Tesorería: la cuentas presentadas en el *Boletín* nº 386 fueron aprobadas por unanimidad.

2- Memoria de actividades 2008: la memoria publicada en el *Boletín* nº 386 fue aprobada por unanimidad.

3- Ruegos y preguntas: El Tesorero de la Asociación, Raúl Martínez, realizó unas aclaraciones sobre las cuentas de 2008.

Al no haber ninguna cuestión más que tratar, se cierra la sesión a las 10:30 horas.

Secretario
Félix Manuel Jiménez Lobo

Presidente
Arturo Jiménez Carretero

# AMBLEA GENERAL EXTRAORDINARIA 5 de julio de 2009

De conformidad con los Estatutos, el Presidente de la Federación Española de Esperanto convoca a todos los socios a la Asamblea General Extraordinaria que se celebrará en el Albergue Juvenil de Málaga, sito en la Plaza Pío XII, 6, Málaga, el domingo 5 de julio de 2009 a las 10:00 horas, dentro del programa del Congreso Español de Esperanto, con el siguiente Orden del Día:

1- Aprobación del Acta de la Asamblea Anterior

2- Informe sobre los socios

3- Informe sobre el Presupuesto para 2009

4- Programa de actividades para 2009

5- Dimisión del Presidente de la Junta Directiva

6- Ratificación del nuevo Presidente de la Junta Directiva

7- Ruegos, preguntas y propuestas

Arturo Jiménez Carretero

---

Malago invitas vin okaze de la 68a Hispana Kongreso de Esperanto kaj 14a Andaluzia Kongreso 2009.
Se vi amas Esperanton, vizitu nin!



Malago hispana kongresurbo 2009

Platero en la centra parko de Malago

# La origino de la hispana liriko

En la historio de la hispana liriko ekzistas sorĉaj anguloj, kies legado vekas en ni ne nur la plaĉon pro la beleco de la versoj, sed ankaŭ la plezuron kiun oni sentas, kiam io ne-konata brilas subite per novaj profiloj ĝis tiam ne perceptitaj. Tiel okazis al mi jam antaŭ longe, kiam mi legis unuafoje la antikvajn hispanajn kanzonaron kaj romancaron, t.e. la popola poezio, versoj grandparte anonimaj.

Tiuj poemoj havas certan delikatan belecon troveblan nur en la sovaĝaj floroj (permesu al mi la komparon) aŭ en la aromoj plej rafinitaj de misteraj lirikaj resonoj.:"la plej delikataj floroj", diras la poeto Damaso Alonso: la plej sorĉaj el la tuta poezio.

Mia surprizo estis granda, kiam okaze de miaj esploroj por studi la popolan lirikon de la 8a ĝis la 16a jarcentoj por dokumenti tiun fakon de mia verko **Lirikaj perloj de Al-Andalus**, mi konstatis, ke tiu agrabla sento ne forpasis,: mi ja kredis trovi en pli ol unu el tiuj versoformoj hispana-araba-hebreaj naskiĝintaj en unu el tiuj periodoj de la formiĝo de la al-andalusa liriko, la originon de tiom da poemetoj tradicie kantataj aŭ recitataj de generacio al generacio laŭlonge de jarcentoj de la popolo.

Mi klarigu tuj, ke por la universitataj studentoj de mia generacio, la hispana liriko havis sian komenciĝon kun la poemo de Mio Cid', t.e. je la 12a jarcento. Estis meritoplena tasko de pluraj fakaj sciencistoj, kiuj esplorante tra la spuroj de tiuj antikvaj ĉarmaj poemetoj venis al konkludo, ke la hispana liriko naskiĝis dum la regado de Abd-Alläh (Kordovo, 844-912), sed konvenas klarigi la temon kiel tio okazis.

Kun la veno de araboj kaj ekregado de la dinastio omaja en Iberio (la araboj nomis ĝin Al-Andalus), vekiĝis ĉe ni la inklino por la poezio: La emiro Abd-al-Rahmän la 1a komencis sian regadon en la jaro 756, restarigis en sia palaco de Kordovo unu el la tradiciaj kutimoj de la kortego omaja en Damasko, kaj tio konsistis en la starigo inter la geservistoj de sia palaco, de kantistinoj kaj ankaŭ de poetoj, malavare pagataj de la emiro.

Kantistinoj kaj poetoj, ofte partoprenis kiel ĉefrolantoj en recitaloj okazintaj en palacaj festoj. La emiro mem verkis belajn poemojn, kaj tio, evidente, influis kaj grave konkeris la spiriton de la popolo en la amo kaj plezuro de la poezi-praktikado.

En la rezidejo de la emiro, oni parolis nur la araban lingvon, ne ĉar tiu estis la lingvo de la regantoj, sed precipe, ĉar ĝi estis la lingvo plej fleksebla kaj riĉa el ĉiuj tri parolataj en Al-Andalus: krom la araba, ankaŭ la hebrea parolata ĉe la judaj kvartaloj, kaj la romanca uzata de la hispanoj, t.e. la latina en sia vulgariĝa periodo.

Post la forpaso de Abd-al-Rahmän 1a, tiu kutimo ne nur ne perdiĝis sed enradikiĝis kaj akiris fortan impulson en popolaj medioj.

Esperantigis kaj aldonis komentojn Antonio Marco Botella

La priskribo de tiu ĉi Lirika Antologio daŭrigos per la ĉapitro aperonta en la venonta "Boletín": "La naskiĝo de du popolaj versoformoj "

# PRI GRUPOJ KAJ ASOCIOJ KAJ TIEL PLU

## Andaluzio

### Aksarkio (Malago)

La Esperanto grupo Aksarkio, deziras partopreni la Hispanan Kongreson per alloga teatraĵo kun sugesta titolo “La sonĝo de Endimion”. Ĉiuj laboras, aŭ studas, sed ili profitas la semajnfinojn por provludado de la verko, kiun ni jam atendadas, kaj de nun deziras al ili sukceson.

## Alikanto

La pasintan 23an de aprilo, tagon de la libro, oni organizis en Crevillente (Alicante) tuttagan legadon de "El Quijote" en diversaj lingvoj. Post legado fare de grupo de blinduloj kiuj legis per braila metodo, ukrajnino kaj grupo de geinfanoj, estis la vico por du esperantistoj. Wolfgang Guenther el Rojales, kiu ankaŭ legis en la germana kaj José Miguel Bernabéu el Mutxamel.

La evento estis tiel sukcesa ke oni devis mallongigi la tempolegado (dutri minutoj maksimume) por ke chiu volontulo povu partopreni. Ĉiu partoprenanto ricevis memoran diplomon pri la evento.

## Kanariaj Insuloj

### Tenerifo

La19an de majo okazis la Fermo de la “XI Seminario de Introducción al Esperanto y su Cultura”, gvidata de profesoro Alejandro F. López de Vergara, de la Fako de Angla kaj Germana Filologio de la Universitato de La Laguna. Post salutajn vortojn de la profesoro, la prezidanto de ESTO, José Luis Cruz García, adresis al la partoprenintoj paroleton pri kion fari per la ĵus eklerninta lingvo. En la Seminario ĉi-jare ĝin partoprenis regule 12 studentoj, el 18 aliĝintoj komence de la jaro. Nune temas pri la ununura stabila kurso en Kanariaj Insuloj. Esperantista Societo de Tenerifo (ESTO) daŭre apogas ĝin per oferto de prelegetoj fare de societanoj kaj organizado de Fermo kun disdonado de atestiloj, kaj posta koktel-kunveno.



Prezidanto de ESTO (d), donas atestilon en ĉeesto de profesoro López de Vergara.

## Kantabrio **Klarigo**

En la paĝo 14 de “*Boletín*”, n-ro 386, aperas informo kie mi aperas inter la homoj kiuj konsistigas la estraron de KantEA (Kantabra Esperanto-Asocio).

Tio devigas min klarigi ke mi estis estrarano (kasisto) dum la periodo 1985-1990 kaj en Asambleo komence de 1991 mi ĉesis en tiu posteno. Poste, mi NE apartenis al la estraro de KantEA kaj me NE apartenas nun al ĝia estraro. Nur, mi akceptis kunlaboron per prizorgado de la asocia informilo, sed, tute klare, sen aparteno al la estraro.

Cetere, mi NE antaŭvidas akcepti estonte ian movadan respondecon.

Juan Azcuénaga




La 18an de majo, la Prezidanto de KantEA vizitis la lernejon Fuente de la Salud, invitita de la instruistino Pilar Gamón, por prezentado de Esperanto al ŝiaj gelernantoj de kvarnivela kurso.
La tuta aranĝo estis tre amuza, kaj la geinfanoj montris kaj intereson kaj partoprenemon. Fakte, unu el la plej eksterordinaraj partoj de la vizito konsistis en la lernado kaj kunkantado de esperanta kanteto uzebla por instruado de la nombroj.

M. Zocato



# Madrido

**Esperanta flago en la manifestacio por kondamni la atakon kontraŭ Gaza.** Kelkaj madridaj membroj de HEF, propravole kaj propranome, partoprenis en la manifestacio por kondamni la atakojn kontraŭ la civila loĝantaro en Gaza, la pasintan 11an de januaro. Ili portis esperantan flagon, kaj kelkaj manifestantoj demandis al ili pri la "lando de tiu flago", tiel ili klarigis la signifon de ĝi kaj pri Esperanto.



# KORUSO *ESPERANTO*

Muziko, integranto de kulturoj

En 2003, Koruso *Esperanto* naskiĝis, kun 36 homoj el 12 landoj, kiel propono de kreado de interkultura grupo. Temis pri projekto de Cayetana Román Ruiz del Moral, spertulino pri interkultura mediacio kaj tiatempe membro de la Lerneja Konsilantaro de la Gepatroj de Lernantoj de la profesia Muziklernejo "Victoria de los Angeles", de Madrido. La projekto proponis la kreadon de polifonia interkultura koruso en la distrikto Villaverde de Madrido, kies membroj devos reprezenti diversajn kulturojn, labori por sia kohero per ĝia ekzemplo de pozitiva interrilato, kiel vivanta modelo, per la disvastigo de muziko.

La Koruso Esperanto komencis sian agadon kun la apogo de la menciita Muziklernejo - kiu cedis lokojn por la ekzercadoj - ĝi elektis kiel nomon "Esperanto", la lingvo kiun Zamenhof kreis en 1887 por la interkompreno de la tuta homaro, elekto kiu montras simbolan deklaron de ties intencoj.



La nuna repertuaro de la koruso konsistas el popolaj verkoj el la tuta mondo, kaj ankaŭ adaptiĝoj de diversaj stiloj: roko, ĵazo, filmaj sonbendoj, pop' , folklora kaj spirita muzikoj, ktp.

La koruso ŝanĝis plurfoje sian direktoron. Post Juan Jaime Ruiz lin anstataŭis Ana Gómez. Poste, Raúl Trincado kaj Blanca Martín. Nuntempe ĝia direktoro estas Iván Conde López. Kunlaboras kiel pianistino Tatiana Plyska.

Dum Kristnasko 2008, Madrida Esperanto-Liceo eksciis pri la ekzisto de tiu koruso kaj kontaktis la direktoron Iván Conde. Ĉar la lingvo Esperanto ne estis en ĝia repertuaro, oni kontaktigis lin kun la Koruso *Verda Stelo* por ke ĝi ricevu partiturojn en Esperanto. La rezulto estis la partopreno en la programo de la forumo *Esperanto kaj Zamenhof, defio al Babelo*, okazinta en Madrido en aprilo kunmemore al la 150a datreveno de la naskiĝo de L.L. Zamenhof.

Lupe Sanz

# DEVENO DE LA ZODIAKAJ SIGNOJ

Ŝajnas al mi kuriozaĵo ĉio rilanta al la Zodiakaj Signoj. Ĉiuj, inclusive tiuj, kiuj tute ne kredas je astrologio, scias kiu estas sia signo, kaj oni ne povas trovi iun, kiu neniam ĵetis rapidan rigardon al prognozoj, kiuj aperas en ĵurnaloj dirantaj kiel ni pasigos ĉiun tagon laŭ la signo sub kiu ni naskiĝis, sendepende ĉu oni kredas je ĝi aŭ ne.

Tamen, malmultaj el ni scias, ke ĉe tia simbologio kuŝas la fascina mondo de mitoj kaj legendoj, kiuj transportas nin al la Helena Epoko. Ĉu vi emas scii kion signifis via zodiaka signo en la pratempa Grekio? Jen unu el la diversaj rakontoj, kiun oni povas trovi pri la deveno de la zodiako, laŭ kelkaj grekiaj kaj romiaj verkistoj. Mi esperas, ke ĝi kuraĝigos vin pli koni pri la mirinda mondo de la helena mitologio, kio multe influis sur nia kulturo.



**LA ORIGINO (KAPRIKORNO)**

En la unuaj tempoj, post la komenca Ĥaoso, ŝprucis la Tero (Gea), prapatrino de ĉiu dio kaj de ĉiu vivanta estaĵo loĝanta en nia mondo. Gea naskis Uranon (la Ĉielo), kaj ambaŭ havis multegon da idoj, inter kiuj elstaris pro sia forteco la gigantaj Titanoj. Unu el ili, Krono, enviinte la povon de sia patro, vundis lin per falĉileto kaj detronigis lin. Tiam, agonianta Urano aŭguris al Krono, ke li same suferos pro sia propra filo, kaj ekde tiam, la timinda titano englutis ĉiun infanon naskintan de sia edzino Rea. Sekve, li manĝis Pozidonon, Hadeson, Hestian, Heran kaj Demetran. Tio kolerigis Rean, kaj pro tio, kiam ŝi naskis sian lastan bebon, ŝi kaŝis lin en kaverno kaj petis de nimfoj Ida kaj Adrastea, ke ili vartu lin. Poste ŝi ruze donis maĝian ŝtonon al sia edzo por ke li manĝu gin, post konvinki lin ke ĝi estas ilia nova ido. Tiel, la estonta dia reĝo Zeŭso kreskis vartata de nimfoj, kiuj pendigis lian lulilon el arbo-branĉo: tiel, se Kronos demandus ĉu ili vidis la infanon, ĉiuj povus respondi ke ili lin ne vidis, nek sur tero, nek en la ĉielo. Krome, kiam la bebo ekploris laŭte, sacerdotoj de Rea bruis per armiloj, por ke la Titano ne povu aŭdi lin. Sed baldaŭ aperis problemo: kiel la nenaskitaj nimfoj povus nutri la dian bebon, sen havi propran lakton? Amaltea donis la solvon. Ĝi estis kaprino, kies lakto nutris Zeŭson, kaj pro tio ĝi estis tre amata de li.

Iam, okaze de ludo, la dio rompis Amaltean kornon. Li ŝprucigis el ĝi grandan amason da fruktoj, mielo kaj ĉion, kion la nimfoj kaj la kaprino dezirus. Tiel estis kreita la fama Korno de Abundo, dankeme donita de Zeŭso al Ida kaj Adrastea pro ilia vartado.

Zeŭso jam venkis lian patron kaj iĝis reĝo de la mondo kiam Amaltea mortis de maljuneco. Dankinte, li levigis la korpon kaj animon de sia nutristino ĝis la cielo, kreinte la Kaprikornan Konstelacion. Ekde tiam, ĉiufoje kiam la dioj volas danki al iu pro lia altruisma helpo, ili metas tiun ĉe la firmamento, kreante novajn stelojn. Ekzemple la zodiakajn (el la greka lingvo "bestetoj"), kiuj estas la konstelacioj ĉiujare trapasataj de la Suna Ĉaro.

*Rudolph*
*(venontfoje: Virgo kaj Pesilo)*



# Stereotipoj kaj antaŭjuĝoj

La enkondukinto de la termino *stereotipo* en la Socia Psikologio estas WALTER LIPPMANN, kiu uzis la vorton vastasence por signi “emon aŭ kombinon de ideoj konsistigantaj la bildon kiun ni havas en niaj cerboj”.
Foje, la stereotipoj disvolviĝas kontraŭe al ĉiuj pravaĵoj, iuj malhavas realan apogon kaj aliaj evoluas laŭ troa ĝeneraligo. Estigite, ili devigas la posedanton valorigi la estontajn donitaĵojn akorde kun la estantaj kategorioj kaj, tiamaniere, ĉi lastaj kapablas perturbi eĉ la plej simplajn rezonadojn.
La stereotipoj:
-ne ĉiam estas negativaj
-funkcias simultane kiel justiga kaj kiel selektiga rimedo.
Niaj stereotipoj diversas nombre kaj kvalite laŭ niaj konoj.
La proverboj estas stereotipoj kapablaj kaŭzi gravan difekton kiam oni ne pretas korekti. Ĉi-kaze temas pri negativaj stereotipoj.
Kiam koninte novajn donitaĵojn kaj sciigojn ni rifuzas modifi niajn erarajn stereotipojn, ni antaŭjuĝas. Se ni sintenas favore al la korekto de la eraraj stereotipoj, ne temus pri antaŭjuĝoj sed pri eraraj juĝoj.
La antaŭjuĝo estas sinteno de akcepto aŭ forpelo de persono partoprenanta grupon ĉar li apartenas al tiu grupo kaj, supozeble, li havas la kvalitojn rekonitajn al la grupo.
Laŭ la prapatroj “praejuditia" signifis juĝojn bazitajn sur decidoj kaj travivaĵoj personaj.
Laŭ la tomistoj "antaŭjuĝi" signifas opinii sen sufiĉaj motivoj ke iu persono estas malbona morale.

La *New English Dictionary* difinas ĝin kiel "favoran aŭ malfavoran senton pri iu persono aŭ aĵo, antaŭan al reala travivaĵo aŭ ne bazitan sur ĝi, t.e., aserti kion oni ne konas".

Rimarkindaĵoj:

1.neniu pruvis, ke la antaŭjuĝoj estas instinktaj kaj denaskaj;
2. ekzistas kulturaj kaj sociaj/personaj cirkonstancoj favoraj al antaŭjuĝoj;
3. homoj emas al antaŭjuĝo ĉar emas al ĝeneraligo;
4. la daŭron de la antaŭjuĝo oni atingas tre ofte per mensa procedo konsistanta en la akcepto de eksceptoj por ke tuj poste oni neu ree la modifon de niaj propraj ju-ĝoj. Ĉio ĉi okazas ĉar necesas tre malmulte da penado por daŭrigi niajn antaŭju-ĝojn apogitajn de niaj anoj;
5. la malfortigon de la antaŭjuĝoj oni povas akceli per:
- kono, interpreto kaj kritiko de estintaj kaj estantaj situacioj; eduklaboro profunda, efika de universalaj stereotipoj.

Andrés Martín



Sterotipa karikaturo G. Doré

# Semajnfina renkontiĝo en Ruidera

De la 1a ĝis la 12a de julio



HEJS kaj EMAS invitas vin partopreni en ĉi tiu semajnfina renkontiĝo ĉe la belega natura parko Lagunas de Ruidera, vera natura paradizo meze de la Manĉo!

**Kie?** Kampadejo Los Batanes, Ruidera

**Kiam?** El la 10a ĝis la 12a de julio 2009

**Kial?** Por havi agrablajn tagojn ĝuante la naturon, la lakunojn, la naĝbasenon... kion pli oni povus deziri??

**Kion vi bezonas?** Tendon, bankostumon... kaj, kompreneble, Esperanton!!

Trovu pli da informojn ĉe la paĝo de HEJS: www.esperanto.es/joven

NI ATENDAS VIN !!






# Diversaj

**La Sekretario de HEF vizitis la sidejon de Esperanto-France.** Profitante finjaran feriadon en Parizo, Félix M. Jiménez, sekretario de HEF, vizitis la sidejon de nia frata franca organizo "Espéranto-France" pasintan decembron. Li estis bonvenita de Susanna Beglaryan (vidu foton), kunordigantino de la oficejo, kiu profesie laboras por la asocio. Oni interŝanĝis spertojn kaj ideojn pri la administrada funkciado de ambaŭ asocioj.



---

## Gazetaraj Komunikoj de UEA N-ro 322 2009-04-27

UEA AKTIVE REPREZENTIĜIS EN ALTE-KONFERENCO

Petra Smidéliusz el Hungario, universitate kvalifikita specialisto pri testado de lingvokonoj kaj kunlaboranto de Ŝtata Lingvoekzamena Centro (ITK) en Budapeŝto, reprezentis UEA en la 36-a konferenco de la Asocio de Lingvotestistoj en Eŭropo (ALTE), kiu okazis en Santiago de Compostela, Hispanio, de la 22-a ĝis la 24-a de aprilo.

Akorde kun la celoj de la komisiono de UEA pri la ekzamenoj laŭ la Komuna Eŭropa Referenckadro (KER), laŭ kiuj oni planas ellabori kaj akreditigi ĉe ALTE ekzamensistemon por infanoj-junuloj – ankaŭ por helpi la kunlaboron inter lernejoj, ekz. kadre de la projekto Lingvolanĉilo – Smidéliusz partoprenis en la laborgrupoj pri normigo de ekzamenoj por junaj gelernantoj (7-12 jaraj). En ili oni interŝangxis ideojn kiel igi la ekzamenojn infan-amikaj kaj la koncernajn dokumentojn, ekz. Manual for relating Language Examinations,infanspecifaj. Unu el la plej gravaj diskutoj temis pri diferencoj de lingvolernado kaj ekzameniĝo inter infanoj kaj plenkreskuloj. Ĉiuj konsentis, ke la indikiloj de KER-niveloj estu ŝanĝitaj konsiderante la specifaĵojn de infana lingvolernado. Oni pridiskutis kelkajn eblajn ŝanĝojn por fari la dokumenton pli ampleksa kaj multtavola. La partoprenantoj interŝanĝis informojn kaj ideojn ankaŭ pri ekzistantaj ekzamenoj por infanoj (pri la angla lingvo), uzeblaj aŭ neuzeblaj taskotipoj, kondiĉoj de la buŝa ekzameno, efiko de la ekzameno al infanoj kaj diferencoj inter diverslingvaj ekzamenoj.

La konferenco estis konsiderata ankaŭ lingvopolitike grava evento. Alparolis ĝin Leonard Orban, EU-komisionano pri multlingvismo, kiu emfazis, ke la lingvolernado de eŭropaj infanoj havas grandan gravecon kaj sekve tre gravas la evoluigo de iliaj lertecoj kaj kompetentoj.

La fakto, ke por EU multlingvismo estas celata trajto de eŭropanoj, ne malhelpis al Petra Smidéliusz ekinteresigi plurajn lingvistojn kaj kolegojn pri Esperanto kaj fiere raporti pri niaj eksperimentoj, internaciaj spertinterŝanĝoj kaj interkulturaj edukebloj. La ekzisto de komuna lingvo, al ĉiu relative facile lernebla, ne montriĝis kontraŭa al multlingvismo, sed pluraj vidis en ĝi realan kaj atingeblan rimedon por ties efektivigo. Partopreno kaj kompetenta kunlaboro en la konferencoj de ALTE kontribuas al la akcepto de la internacia lingvo inter lingvistoj kaj lingvopedagogoj. Laŭ tiu linio UEA konsekvence plu laboros.

# La legantoj poemas

### En serĉo de la revo

Mi venis
por elekti
la ĝustan plukon
enla granda regno
de pomoj kaj eskaloj:
mia digita platenblondulino
fidele al mi koketis
farante nun lokon
por la korbo.
Kion vi celas?
ŝi demandis.
Kion vi farus!
mi respondis.

Ju pli da prevento
des malpli da profito
kie homo
tie kulturo
la kontraŭinfekta masko
kiel simbolo de solidareco
por ĉiu vivestaĵo
estas 10 virusoj

W.Guenther

### Pensoj

Vespero fariĝas griza.
Lastaj birdo-kantoj ĉesas.
Stratoj subite malplenas.
Strat-lanternoj lumiĝas
por bonvenigi la nokton...
tiam, la dormo vekiĝas.

A.Arquillos

# FUNEBRE

KURISU Kei, Honora Membro de UEA, forpasis la 18-an de aprilo. Li naskiĝis la 18-an de julio 1910. Esperanton li lernis en 1930, opiniante, ke per tiu lingvo eblos progresigi komunismon, je kiu li kredis. Li aktivis en Japana Proleta Esperantista Unio kaj kunredaktis la kulturajn revuojn *Marŝu* kaj *Majo* (1935/36). Pro sia politika agado li pasigis entute kvar jarojn en malliberejo. Antaŭ kaj precipe post la milito li uzadis



Esperanton por ampleksa korespondado kun eŭropaj kaj ĉinaj esperantistoj. Jam ne plu komunisto, li dum la kvindekaj jaroj iĝis respektata specialisto pri Ĉeĥoslovakio en sia lando. Li japanigis multajn ĉeĥajn ĉefverkojn, i.a. *La brava soldato Ŝvejk* de J. Hašek kaj *Milito kontraŭ salamandroj* de K. Čapek. De 1959 ĝis 1961 li estis en Prago universitata lektoro pri laJapanaingvo.

Kurisu tradukis japanen ankaŭ el Esperanto: *La danĝera lingvo* de U. Lins ( 1975 ) kaj *Tempesto super Akonkagvo* de T. Sekelj ( kun sia filo Akane, 1990). En 1979 li iniciatis la fondon de Societo por Japana-Ĉina Amikeco per Korespondado, kiun li mem prezidis. Li verkis japanlingve tre multajn artikolojn en japanaj periodaĵoj pri diversaj temoj, laste ankaŭ pri sia vivo, en kiu tiom rolis la fruktoj de Esperanta korespondado. En 1991 li iĝis Honora Membro de U E A. 85-jara li debutis kiel Esperanto-verkisto, gajnante per eseo en la Belartaj Konkursoj de UEA la Premion Luigi Minnaja. Dum la 92-a UK en Jokohamo (2007) l i kaptis l a atenton de ĉiuj kongresanoj per vigla parolado, en kiu li alvokis, ke la esperantistoj pli multe subtenu la Esperantan literaturon.

# Esperanto alportas al mi amikecon

de LI JIANHUA (Ĉinio)

Mi eklernis Esperanton en la Ĉina Komunika Universitato en aŭtuno 2003. Antaŭ tio mi jam lernis la anglan lingvon du jarojn en la universitato. Dum la 89-a UK okazinta en Pekino de la 24-a ĝis la 31-a de julio 2004, mi laboris kiel volontulo kaj ĉiĉerono kaj akompanis ĉirkaŭ 20 samideanojn el diversaj landoj viziti famajn vidindejojn en Pekino. Post dujara lernado de nia lingvo Esperanto, mi diplomiĝis el la universitato kaj eklaboris en la redakcio de *El Popola Ĉinio* en julio 2005. Dum la laboro mi ofte komunikiĝis kun alilandaj samideanoj. Tiu komunikiĝo alportas al mi amikecon. ( foto-1 ) En aŭgusto 2006 Roberto Perez-Franco, fondinto de www.raporto.info, ne havis sufiĉan tempon por administri tiun retejon pro studo por sia doktoreco. Informiĝinte pri tio, mi skribis al li kaj petis, ke mi administru tiun retejon.

Konsiderinte, ke mankas al mi teknikaj scioj pri komputiloj kaj interreto, Roberto prezentis al mi sinjoron Trio el Usono, kiu laboras en Silicio Valo kaj ankaŭ volas kontribui por la retejo. Tial, sinjoro Trio kaj mi kune administris tiun retejon: li respondecas pri la komputila tekniko kaj mi pri la enhavo. Dum nia kunlaboro mi multe lernis de sinjoro Trio pri komputiloj kaj retejoj. Ekzemple, li instruis al mi kiel kalkuli per kalkula kodo la klakan rilatumon ktp. Sed ege bedaŭrinde, de junio 2008 mi ne povis viziti la retejon kaj certe ne povas daŭre administri ĝin.

(foto-2) En majo 2008 okazis en Vilno, ĉefurbo de Litovio, la Unua Tutmonda Kongreso de Esperantistoj-Ĵurnalistoj. Informiĝinte pri tio en la jaro 2007, mi tuj publikigis la novaĵon en la retejo www.raporto.info. Sed mankis al mi emblemo de la kongreso, mi do sendis ret-mesaĝon al Povilas Jegorovas kaj petis lian helpon. Li tuj respondis al mi, kaj tiel ni fariĝis bonaj amikoj. Poste mi publikigis ankaŭ aliajn informojn pri la kongreso, ekzemple, la Unua Bulteno kaj Dua Bulteno. En marto 2008 Povilas invitis min ĉeesti la kongreson kaj prelegi kadre de ĝi. Mi tre ĝojis, ĉar se mi sukcesus, tio kreos por mi multajn "unua-ojn" en mi Unua vojaĝo eksterlanden, unua flugo per aviadilo, unua internacia kongreso per kaj por Esperanto, unua prelego en tia kongreso, unua vizito al

Raporto.info
Kie la mondo raportas al vi, kaj vi al la mondo!

Ganao kaj Irano subskribis kooepereman interkonsenton
[- Pri Aliaj temoj. Raportis alfredo portillo je 2008-05-21. -] [- Redaktu -]

Radio Teherano (http://kiswahili.irib.ir) informis la 21-an de majo, ke okcidentafrika respubliko Ganao kaj Islama Respubliko Irano subskribis ĉe Teherano kooepereman interkonsenton. En tiu-ĉi diplomata okazaĵo partoprenis la Ministro pri Eksterlandaj Aferoj de Ganao, Akwasi Asei-Adjei, kaj lia irana kolego, Manouchher Mottaki. Pere de tiu-ĉi kooperemilo ambaŭ partoj deviĝis periode renkonti ilin kaj revizii la komunajn aferojn. (Bildo: http://www.easyviajar.com).

[- Sen komentoj -]

La Konsilio de Sekureco de UN funebris pro la viktimoj de la tertremo en Sichuan-provinco
[- Pri -Mondo, -Azio, Natura medio. Raportis lazuracxielo je 2008-05-21. -] [- Redaktu -]

La 20-an de majo, okazis funebra ceremonio por la viktimoj de la tertremo en Sichuan en sudokcidenta Ĉinio antau altranga debato de la Konsilio de Sekureco de UN.

Raportu *vi* mem!
Raporto.info estas malferma, liber-esprima informejo, kie vi povas legi, raporti kaj komenti novaĵojn pri *via* mondo. Konu nian *internan ideon* per artikolo el Libera Folio. Niaj titoloj tuj aperas en Startu.net. Por partopreni, vi devas krei konton. Notindas, ke via unua raporto aŭ komento aperos nur post kontrolo, por protekti la retejon kontraŭ spamaĵoj. Skribu al ni se vi havas demandojn aŭ volas aperigi vian unuan raporton: raporto (je) raporto (punkto) info

Serĉu
la arkivojn de nia retejo
EK

Kategorioj
-Mondo
-Afriko
-Ameriko
-Azio
-Eŭropo
-Oceanio
-Mezoriento
-Indiĝenaj regionoj

Litovio kaj Eŭropo, ktp. Fine, subvenciate de la redakcio de *El Popola Ĉinio*, mi ĉeestis la kongreson. Tio kreis ankaŭ du "unuafoje" de mia vivo: unuafoje interparoli kun alilandaj altranguloj (prezidanto de la litova parlamento kaj urbestro de Vilno ĉeestis la bankedon, kaj mi interparolis kun ili helpate de sinjoro Povilas) kaj unuafoje ĉeesti faradon de TV-programo. Mi rikoltis multajn amikojn kaj profundan amikecon en tiu ĉi kongreso, kion mi neniam forgesos.



(foto-3) Ĉar inter Vilno kaj Pekino ne estas rekta pasaĝera aviadilo, mi devis ŝanĝi aviadilon en Munkeno kaj tie resti 7 horojn. Estus tre bone se lokaj esperantistoj povintus akompani min viziti la antikvan urbon Munkeno. Sed mi havas neniun amikon, eĉ plumo-amikon en Munkeno, tial mi serĉis retadreson de munkena E-organizo kaj sendis mesaĝon al ĝi. Atinginte Vilnon, mi malfermis mian retan leterkeston kaj legis en ĝi mesaĝon el Munkeno. Tiam mi ne povis kredi miajn okulojn, ĉar mi ricevis respondon de sami-deano Karl Breuninger en Munkeno, kiu skribis ke li povos akompani min tiutage. Mi estis tre kortuŝita ĉar okazis ĉe mi la afero pri amikeco inter diverslandaj esperantistoj de mi aŭdita antaŭe. Karl Breuninger, Uli Emder kaj Kriegmair gvidis min en la antikva urbo Munkeno. Ili ne nur detale konigis al mi la konstruaĵojn de la urbo, sed ankaŭ regalis min per nigra biero, kiu estas tre fama en la mondo. Oni diris: "Tiu, kiu ne trinkis nigran bieron en Munkeno, ne reale vizitis Munkenon." Profunde impresis min la beleco de Munkeno kaj amikeco de lokaj esperantistoj. (foto-4) Kiel oni scias, la du bordoj de la Taivan-a Markolo de Ĉinio ankoraŭ ne reunuiĝis. Mi loĝas kaj laboras sur la ĉeftero de Ĉinio. Pro politikaj kialoj, esperantistoj de la ĉeftero de Ĉinio kaj tiuj en Taivan-insulo ege malofte ontaktiĝis. De la jaro 2008, la rilatoj inter la du bordoj de la Taivan-a Markolo pli kaj pli boniĝas. Mi volas konigi Taivan-an E-movadon al esperantistoj de la ĉeftero de Ĉinio. Sed mankas al mi materialoj, mi do skribis retmesaĝon



por peti helpon de lokaj esperantistoj. Profesoro Cho Chaoming laboranta en la universitato Kaŭŝjong Mara en Taivano multe helpis min en tiu flanko. Li sendis al mi multajn rarajn materialojn kaj fotojn pri



E-movado en la Taivan-a regiono. Dank' al sinjoro Cho Chaoming, mi finskribis mian artikolon "Taivan-a Esperanto-movado" kaj prelegis en la E-forumo en Pekino novembre de 2008. Mia prelego akiris grandan sukceson kaj multaj ĉeestantoj petis de mi ke mi sendu al ili koncernajn materialojn. Profesoro Cho estas mia unua amiko el la Taivan-a regiono. Nun nia amikeco pli kaj pli profundiĝis.

(foto-5) La reta radio Radio Aktiva el Urugvajo naskiĝis en la 21-a de septembro

Tiam mi sendis al ili mesaĝojn kun novaĵoj kaj ili disaŭdigis ilin. En aŭgusto 2008 okazis en Pekino la 29-aj Olimpikoj.

Antaŭ ĝia inaŭguro ili kuraĝigis min prilabori podkaston. Sed tiam mi ne havis mikrofonon nek alian softvaron por prilabori mian originalan sonan dokumenton. Sonia kuraĝigis min fari son-registradon per MP3 kaj promesis prilabori la registradon per softvaro. Laŭ ŝia propono, mi provis fari malgrandan son-dokumenton kaj ĝin sendis al ili. Ili laŭdis mian laboron kaj esperis, ke mi daŭrigos tion ankaŭ post la Pekinaj Olimpikoj. Poste, Daniel sendis al mi specialan softvaron por prilabori mian son-dokumenton kaj detale konigis al mi kiel uzi ĝin. En la sama monato, Daniel ankaŭ instruis al mi kiel redakti videon. Mi tre dankas ilin. Pro tio, mi pli firme kredas, ke Esperanto estas utila kaj povas alporti al ni amikecon.

Mi laboris jam 4 jarojn por Esperanto, kaj mi opinias, ke amikeco estas mia plej granda rikolto dum la pasintaj 4 jaroj dank' al Esperanto. Mi elkore dankas Esperanton! Pere de tiu ĉi lingvo, mi rikoltis amikecon kaj mia vivo pli kaj pli riĉiĝas.

Karaj amikoj, lernu Esperanton! Ĉar ĝi povas alporti al vi intiman amikecon kaj havigi bonajn amikojn.



# E-aktivado en Esperanto-Bosko en Pekino, Ĉinio

Artikolo de LI JIANHUA kaj fotoj de CHI TIENAN (Ĉinio)

La 19-an de aprilo, 2009, membroj de la Pekina Esperanto-Asocio (PEA) akvumis arbojn de Esperanto-Bosko en Chaoyang-parko en Pekino. Esperanto-Bosko estas konstruita dum la 89-a Universala Kongreso de Esperanto en 2004.

Je la 10-a horo antaŭtagmeze, pli ol 20 esperantistoj venis al Esperanto-Bosko kaj komencis akvumi la arbojn. Inter ili estis maljunuloj pli ol 70-jaraĝaj, studentoj de universitatoj kaj iliaj instruistoj. Post akvumado la esperantistoj estis fotitaj antaŭ la ŝtonego kun enskribo "Esperanto-Bosko".

Tio estis la kvina aktivado organizita fare de PEA en Esperanto-Bosko depost 2005. En marto de 2006 okazis tie aktivado memore al la 55-a datreveno de la Ĉina Esperanto-Ligo.

Tiun aktivadon ĉeestis ankaŭ Gabriel Corsetti, itala esperantisto studanta en Pekino kaj la geedzoj de sinjoro Chi Tienan el la Aŭtonoma Regiono de Interna Mongolio.

**Madrida HEF-oficejo jam ne plu deĵoras sabate matene, nur deĵoras jaŭde vespere (ne festotagoj) de la 18:30 ĝis la 20:30 h.**

# Peĉakuĉo en universitato

## Peĉakuĉo en universitato




Pasintan decembron en universitato UNED, en ĝia madrida ĉef-kampuso, okazis interesega preleg-sesio organizita de juna instruisto pri Matematiko de la Scienca Fakultato, kaj partoprenita de ankaŭ junaj instruistoj plurfakaj de UNED. Sed ĝi enhavis originalan faktoron: Pecha Kucha. Mi esperantigis ĝin laŭ la plej evidenta vojo: peĉakuĉo. Ĝi alvenis ĉe nin el la anglomondo, sed la origino estas japana vorto, sonimita al plurpersona babilado: ĉak, ĉak! Ankaŭ estas japanoj la inventintoj tiun ĝenron pri kiu fondiĝis jam multaj kluboj en pluraj urboj. Pli da informo en http://es.wikipedia.org/wiki/Pecha_Kucha .

Tio estas preleg-sistemo tia, ke ĉiu prelego konsistas el prezento de precize po 20 bildoj, super kiuj la preleganto rajtas paroli po strikte 20 sekundoj por entute 6m 40s da preleg-tempo; poste sekvas 1 minuto por ŝanĝi la preleganton, kiu tuj ekas laŭ sama rigora skemo. La serion de bildoj elektas de la preleganto, kompreneble, kaj ili povas esti fotoj, diagramoj, tekst-afiŝoj, miksaĵo de ĉio... filmetoj kaj animacioj tamen ne estas permesataj.

Tiu formato, kvankam unuavide tre s-treĉ-forma, estas tre vigla kaj dinamika.

La preleganto devas antaŭ-peni organizi sian abundan informon tiel, ke ĝi povu eldiri ĝin fulme, en la daŭro de 20 sekundoj por ĉiu informero. Preskaŭ ne direndas, ke laŭtlegado estas malkonsilata! La parolado devas fonti rekte el memoro, kun helpo de la bildoj kaj, eble, papernotoj.En la sesio kiun mi ĉeestis, parolis 6 homoj diversfakaj — matematiko, sociologio, antropologio, filozofio, ekonomiko— por entute nur tri kvaronhoroj.



## Esperanto Peĉakuĉo

La 2a UNED-peĉakuĉo okazis la 21an de aprilo, kun 6 prelegantoj, inter ili samideano Manuel Pancorbo, ankaŭ instruisto de UNED, por prezenti Esperanton. Entute ĉeestis dudeko da homoj, ĉefe aliaj instruistoj kaj administrantoj de UNED. La pri-esperanta prelego vicis la duan en la sesio. La prelego pri Esperanto estis tre inform-abunda, eĉ konsiderante la koncizecon de la formato kaj la preskaŭ neeblon kunpremi la tutan kaĉon en nur 20 bildojn kaj malpli ol 7 minutoj! La unuaj tri bildoj rakontis tre resume la celojn kaj la historion de Esperanto; poste sekvis serio de bildoj priskribantaj la lingvon, kaj la lasta parto konsistis el bildoj montrantaj la nunajn uzojn de Esperanto: literaturo, muziko, familio, Pasporta Servo, interreto, ktp. La titolo de ĉiuj bildoj aperis ĉiam en lingvo Esperanto, sed la ceteraj prezentataj tekstoj estis hispanlingvaj (krom ekzemploj en Esperanto). Fine de la prezentoj, la publiko elektis la venkanton per "aplaŭdomezurilo"; gajnis prezento pri eraraj, kuriozaj aŭ improvizitaj mur-afiŝoj kaj reklam-afiŝoj; tamen, prezento pri Esperanto estis tre laŭdata kaj vekis scivolemon pri la lingvo inter ĉeestantaro. La prezento estas videbla (senvoĉe) en: http://www.slideshare.net/mpancorbo/pechakucha-esperanto . Filmon de mia prezento ankaŭ eblas spekti, ne tro kvalite, en: http://vimeo.com/4542616 .

**Taŭgega formato por Esperantujo!**

Tiu formato estas treege konsilinda por niaj e-renkontiĝoj.

La enuaj preleg-programeroj, kiuj konsistigas la kernan parton de multaj niaj aranĝoj, povas plurokaze adaptiĝi al tiu formato, ĉar, mi opinias, esperantistoj formas tre varian aron el kiuj oni povus facile ĉerpi sufiĉajn prelegontojn.

Ĝi ankaŭ povas esti tre valora kiel paroliga ekzerco en la kursoj por amuzkleriĝo, kaj por parol-instigo al pigraj lernantoj.

Manolo Pancorbo

# Lastajn sciigojn

Helpo petata por tradukado de artikoloj por la gazetaro
Bonvolu legi en la paĝo: http://parolumondo.com/gazetaro/2009.htm kaj reagi, se vi estas aga membro de UEA [nova mambrokategorio sen kotizo]
Renato Corsetti

Estimataj kolegoj kaj samideanoj,

Dum 2 monatoj "Korespondа Servo Universala" superis kvanton je pli ol 100 korespondanoncoj el la tuta mondo!
Vidu: http://esperanto-plus.ru/koresponda-servo/

Estimataj samideanoj, komencantoj, instruistoj, kursgvidantoj, redaktoroj! Bonvolu uzi la Servon mem kaj rekomendi ĝin al viaj konatoj, lernantoj kaj abonantoj!

Bondezire,

el [reu-agado]

fonto: Ret-Info
http://www.eventoj.hu

# 40 JAROJ DE DOÑANA NATURA PARKO

## ĜIAJ MULTAJ KAJ VARIAJ ORIGINOJ

Preskaŭ ili estas tiom multaj kiel ĝia natura riĉeco. Tiu ĉi apudmara marĉejo aperis antaŭ 5.000 jaroj pro la pluvaj terdeponoj de la rivero Gvalkiviro kaj en ĝiaj internaĵoj konserviĝas la spuroj de kelkaj civilizacioj: tartesoj, romanoj kaj mulzumanoj. Se ni serĉos en la legaĵoj kaj arkivoj, ni malkovros, ke meze de la 13-a jarcento la reĝo Alfonso la 10-a diskonigis tiun zonon inter la nobelaro kiel ĉasan rezervejon kaj ke ĝia nomo naskiĝis en la printempo de 1574, motive de la gedziĝo inter Doña Ana de Silva kaj Mendoza kaj la 7-a Duko de Medina Sidonia.



Krom la unikaj ekosistemoj (strandoj, dunoj, verpraĵoj, kaj padoj) komence de la 20-a jarcento en la koro de la privata ĉasejo, Doña Ana kaj la maraj marĉejoj de la Gvalkiviro, troviĝis giganta plata tereno, kie en la epoko de grandaj pluvoj la akvoj povis ĝin inundi eĉ 180 mil hektarojn, kaj doni manĝajojn kaj ŝirmon al milionoj da migrantaj birdoj. Sed la granda epoko (?) de la marĉejo, precipa rifuĝejo por la vintra ripozejo ornitologia, havis sian destinon deciditan pri sia tuta amplekso. Por lukti kontraŭ la paludismo, potenci la agrokulturon kaj nutrigi la fluejon de la Gvalkiviro, meandra rivero, en 1947 oni modifis la rojon de Gvalkiviro, kaj la plej grandan parton de la dolĉa akvo oni enkondukis al la akvoj de la rivero.

LA VEKIĜO DE LA SEMO

Ĉi tiu perforto ne povis resti nekonata de la scienca komunumo kaj signifis la komencon de ĝia konservado. En 1952 la zono estis vizitata de la unua scienca ekspedicio, gvidata de la ornitologo Guy Mountfort, ĉefa rolulo pri la naskiĝo de la Parko, kiel estis ankaŭ José Antonio Valverde kaj Luc Hoffmann, kiuj konatiĝis en la sama jaro. En marto, Valverde kaj Francisco Bernis, realigis alian 11-tagan ekspedicion, ili tranoktadis en la Palaco de Doñana, propieto de Mauricio Gonzalez-Goron, kiu poste ludis gravan rolon por la konservado de ĉi tiu spaco. La ringumo (meti ringon , kun sciencaj detaloj en la birdo-piedon) havante ciferojn de "ardeidas" (diversaj birdoj), neniam antaŭe ekzistantaj en Eŭropo. En majo 1954 la ringumistoj (kiuj metas la ringojn en la birdo-piedojn) kun Félix Rodríguez de la Fuente kaj aliaj oni fondis la Hispanan Societon de Ornitologio (SEO).



En 1956 Guy Mountfort organizis duan ekspedicion kaj post unu jaro, li organizis la trian, al kiuj aliĝis multaj ornitologoj kaj alia elstara eminentulo, Max Nicholson. En februaro de 1961, oni kreis komisionon de spertuloj, kaj sinjoro Valverde petis al Ministerio pri Edukado, la aĉeton de Las Nuevas, tereno proksimume de 6.000 hektaroj apud la marĉejo. En majo ĉi tiu komisiono rendevuis en Londono por studi la kreon de Monda Fonduso por la Naturo (WWF, sigloj en la angla). Kvar monatojn poste la 11-an de septembro, kun ĉeesto de Luc Hoffmann, kiel vicprezidento, Guy Mountfort kaj Max Nicholson, naskiĝis WWF en Morges (Svisio), organizacio, kiu fariĝis unu el la plej grandaj NRO (Ne Registara Organizo) pri la konservado de la planedo. Ĵus fondita, WWF oni ofertis 11 milionojn da pesetoj (ĉirkau 66.000 eŭroj) sed la riĉa itala Leo Biaggi plialtigis tiun sumon kaj fariĝis ĝia propietulo. Gvidataj de Valverde la konservuloj ne rezignis sin kaj la 30-an de decembro, WWF kaj la registaro subskribis aĉetan kontrakton kaj donacon de 6.794 hektaroj de la marĉejo en la rezervejo Doñana por traŝerĉado, kaj prizorgita de la Centro Biologia de Doñana (EBD), kiun oni starigis en januaro de 1965. Unu jaron post ĝia akiro, WWF cedis la terenon al Supera Konsilio por Scienca Reserĉado, sub notaria dokumento pri favoriga vendo kaj Valverde estis nomata direktoro de la Centro. Komence la bezonoj estis multaj. Luc Hoffman kaj WWE donacis al EBD la unuan vehiklon ĵipon; Land Rover kun la logotipo de giganta pando.

## NASKIĜAS LA REZERVEJO DE GUADIAMAR

En 1968, sub la Honora Prezidanteco de Lia Reĝalta Moŝto Juan Carlos de Borbón, Félix Rodriguez de la Fuente, Francisco Bernis kaj José Antonio Valverde, inter aliaj, oni fondis la Asocion por la Defendo de la Naturo (Adema), kiu fariĝis la hispana oficejo de WWF. Unu el la unuaj agadoj estis subvencii la rearbigon de korko-kverkoj.

Ankaŭ oni aĉetis alian terenon de 3.214 hektaroj, nomata la marĉejoj de Aznalcázar. Tiel oni kreis la Biologan Rezervon de Guadiamar. Ekde tiam WWF estas la propietulo de ĉi tiu terenspaco en la kerno de la Parko, kaj ĝia ĉiutaga prizorgado estas realigata de EBD, danke al subskribo de kunlaborado.

Ekde 1973 ĉi tiu natura rezervo estas parto de la nomita "rifuĝejo integra" Nacia Parko de Doñana, terenspaco, kiu nun celebras la 40-an datrevenon de sia naskiĝo kaj kiu naskiĝis laŭ Dekreto de la 16-a de oktobro 1969, kiel protektado, en tiu momento de 37,425 hektaroj. Valverde estis ĝia unua Direktoro kaj kreis la Patronadon, en kiu la WWF. Hispana ĉeestas kun voĉo kaj voĉdono, kiel propietulo kaj kiel NRO.

Elhispanigis Luís Serrano

# Ni IEKis unuafoje

Someraj monatoj estas tempo de vojaĝoj. En la kapo vagas revoj pri vojaĝoj al fremdaj landoj, pri varmaj maroj, sunaj plaĝoj... Teresa kaj Krystyna, du esperantistinoj, planas vojaĝon al nekonata direkto. Plej bone, ke la vojaĝo estu ligita kun esperanto, ĉar tiel ni povus pliprofundigi nian scion pri la lingvo, kaj ankaŭ ekkonus novajn esperantajn geamikojn. Proponoj estis kelkaj. Kiun elekti?

Anne Jaussions jam dum nia stud-sesio ĉe Interlingvistiko en Poznano instigis nin, ke ni partoprenu en la Internacia Esperanto-Konferenco IEK 2008, en Slovenio. La ĉefa temo de la konferenco estis difinita –"Fernando de Diego, vivo kaj verkaro". Hmmmm... Slovenio... Logas kaj la lando, nekonata por ni ĝis nun, kaj la personeco de Fernando de Diego –inda je pli profunda kono– kaj la belega pejzaĝo kun antikva ŝton-ponto sur la rivero Soĉi, videbla sur la unua paĝo de la informilo pri IEK... Sed ankaŭ estas propono veturi al Krimeo –same belega kaj fama loko... Plie, "Lernu" tentas nin, por ke ni renkontiĝu kun aliaj anoj de "Lernu" en Slovakio... Kaj la Universala Kongreso en Nederlando. Nuuuu... ni havas dilemon!

Post longaj pripensadoj ni elektas la renkontiĝon IEK 2008 en Slovenio, kiu okazos en Ŝempeter ĉe Nova Gorica. Ni prepariĝas al la vojaĝo. Al ni aliĝas Marzenka (elp. Maĵenka), studentino de la angla. Ni esperas, ke ŝi partoprenos en la kurso de esperanto por komencantoj kaj tiamaniere ni pligrandigos la rondon de la esperantistoj. Iom malfacilas atingi Slovenion el Pollando. Estas malmulte da rektaj aviadiloj aŭ busoj, kaj biletoj multekostas... Ni decidas flugi per aviadilo el Berlino al Venecio, kaj plu vojaĝi per trajno ĝis la limo de Italio. Kaj poste ni vidos. Jen kion signifas por ni la vojaĝo al nekonata loko!

La tago de forveturo. Ĝis Berlino veturigas nin konatoj per aŭto. Estas belege kaj ni estas en gaja humuro. Ni okupas sidlokojn en la aviadilo kaj forflugas. Post unu horo kaj duono ni jam estas en Venecio, flughaveno *Marco Polo*. Kaj ĉi tiu varmeta aero...! De tiu loko ni devas veturi al la stacidomo. Aŭtobusoj veturas ofte kaj ni rapide atingas la stacidomon en la urbo-centro. Tie evidentiĝas, ke ni tuj havas trajnon al Gorizia kaj ni eĉ ne havas tempon trinki akvon en la stacidoma kafejo. Gorizia, la malgranda itala urbeto ĉe la limo itala-slovena. Ni rigardas mapon: Nova Gorica en la slovena flanko estas tuj proksime. La broŝuro pri IEK informas, ke oni bezonas nur 20 minutojn por atingi Ŝempeter piede, sed kiun vojon elekti? Kaj ĉi tiuj bagaĝoj!!! Ufff...!!

Ni decidas veturi per aŭtobuso, kiu foriros post unu horo. En Nova Gorica atendas nin Viŝnja Brankoviĉ kun sia edzo Gjorgjo. Ili salutas nin kore. Ege simpatiaj homoj.

Ni jam alvenas al Ŝempeter. Trankvila, malgranda urbeto, ŝajnas iom dormema. Sur deklivo de monteto videblas la konstruaĵo de nia konferenco IEK 2008, kiu aspektas tre bele. Ĝi estas granda, nova agrokultura lernejo, kun studenta domo, kaj ĉirkaŭe estas multe da verdaĵoj. Ni lasas niajn valizojn en la ĉambroj kaj rapide desupras ŝtuparon, por vespermanĝi. Post la longa vojaĝo, ni plezure manĝas bongustajn manĝaĵojn preparitajn de la laboristoj en la lerneja kuirejo. Viŝnja kaj Giorgio aliĝas al ni, kaj tuj montriĝas, ke pliaj homoj jam alvenis: Joannette, el Nederlando, kaj Jozefo, el Germanio. Aliaj partoprenantoj alvenos morgaŭ.

Vespere ni vizitas la urbeton. Estas varma vespero kaj ni haltas ĉe malgranda kafejo. Ĉe nia tablo, la interparolo estas vigla, la rido eĥas fojon post fojo. Ni sentas nin, kvazaŭ ni konus niajn novajn geamikojn de longaj jaroj. Jozefo ĉiam ridas kaj rakontas amuzajn historiojn. Viŝnja ankaŭ havas multon por rakonti kaj Joannette de tempo al tempo diras ion, por ke ni ridu. Plezura etoso. Ni estas inter amikoj.
La sekvan tagon alvenas pliaj partoprenantoj de IEK. Preskaŭ ĉiuj konas unu la alian, ĉar ili partoprenas en tiaj renkontiĝoj de jaroj, kaj la familia etoso ĉirkaŭas ankaŭ nin. Ĝi profundiĝas, kiam subite ni aŭdas frazon bone konatan en Pollando: "Polo kaj hungaro –du fratoj..." –tion diras Paŭlo, hungaro, kiu alvenis ĉi tien kun sia 8-aĝa filo Adamo. Ni ridas kaj kune finas la frazon, konatan de ĉiu polo kaj de ĉiu hungaro antaŭ jarcentoj: "... al sabro kaj al glaso". Paŭlo provas traduki al aliaj ĉi tiun historian fenomenon kaj la sencon de la vortoj. Ĉiuj estas scivolemaj pri la origino de ĉi tiu frazo, de kie ĝi devenas.

Alvenas ankaŭ aliaj: Edgar kun la edzino Paŭla kaj la infanoj Sebastien kaj Evelyne, Anne kun Claude, Mantha, gesinjoroj Fillmann, Eric kun Françoise, Antonio... Viŝnja Brankoviĉ preparis por la grupo "poezian vesperon". En la krepuska lumo vortoj de poetoj sonas subtile. Ĉe la paŭzoj Edgar disdonas trinkaĵojn. Ho... eĉ ne mankas gustumado de mirabel-drinkaĵo, kiun Edgar produktas propra-ŝilde! Alvenas nokto kaj ni revenas al niaj ĉambroj. Morgaŭ ni devos frue matene ellitiĝi, ĉar matene komenciĝos prelegoj.

Post la matenmanĝo laŭte sonas sonorilo. Anne tiel anoncas la ekon de la prelegoj. En la salono jam ĉiuj ĉeestas. Anne oficiale kaj solene malfermas la konferencon IEK 2008. Ŝi salutas ĉiujn kaj ankaŭ nin –novajn partoprenantojn. Poste Viŝnja Brankoviĉ rakontas al ni pri Slovenio, pri la regiono en kiu ni troviĝas kaj ĝia komplika historio de la lastaj jaroj.

Kaj Madeleine de Zilah (Lena) prezentas al ni la librojn-kandidatojn por la ĉi-jara premio de OSIEK, kiun oni dum speciala kunveno voĉdone elektos. Ĝi estos grava punkto de la IEK-konferenco. La premion kandidatas kvin libroj plej ofte proponitaj: de Albrecht Kronenberger, *Adoru*; de Josip Pleadin, *Ordeno de verda plumo*; de Sergio Pokrovskij, *Komputika leksikono*; de Baldur Ragnarsson, *Sagao de Njal*; de Spomenka Ŝtimec, *Kroata milita noktlibro*. Ili ĉiuj dum la tuta periodo de la

konferenco kuŝas sur la ĉefa tablo kaj ĉiuj povas ilin tuŝi, trarigardi, legi, kaj diskuti pri ili kun aliaj.

Poste Lena ekprelegas prezentante al ni la librojn tradukitajn de Fernando de Diego. Ne mankas ankaŭ prelego pri *Don Quijote* de Cervantes, kiun Lena gvidas kun nekutime granda emocio, kun aparta entuziasmo. Estas videble, ke la personeco de nia omaĝato estas al ŝi tre proksima kaj, ke ŝi mem amas librojn. Ŝia entuziasmo kaj fervoro influas nin ĉiujn. En la salono oni tute ne sentas la pezecon de konferenco. Dekstre, maldekstre, antaŭe kaj malantaŭe, ĉie ĉirkaŭas nin libroj, i.a. tiuj de la dumkongresa libroservo. Ni estas inter literatur-amantoj, kiuj transdonas al ni multan scion pri ĉi tiuj libroj, kaj speciale pri la vivo kaj agado de Fernando de Diego. Ili transdonas al ni ĉion tre klare kaj en tre interesa maniero. Plezure estas aŭskulti Madeleine de Zilah, Antonio Valén, Jozefon Dőrr, Catherine Kremer-Gallego, Josip Pleadin kaj aliajn...

Antonio Valén, kun granda estimo parolas al ni pri Fernando de Diego. Li rakontas pri sia vojaĝo al Venezuelo por renkontiĝi kun la fama aŭtoro. Li eĉ montras al ni unu el la leteroj, kiun li ricevis de De Diego... Li ankaŭ rakontas al ni pri la originalaj verkoj de De Diego. Alia prelego de Antonio elvokas grandan interesiĝon de la aŭskultantoj dank' al la interesa analizo de kelkaj eroj el *Kun sopira koro* de Bécquer, tradukita de Fernando de Diego. En tria prelego li ankaŭ prezentas al ni la temon: "La vortarego hispana-esperanta de De Diego".

Jozefo Dőrr belege, kaj tre solide komparas antaŭ ni du famajn homojn, De Diego kaj Piĉ, kaj parolas pri iliaj verkoj kaj iliaj lingvaj principoj. La komparo estas ege interesa. Kaj poste li kondukas nin al la diskuto pri neologismoj.

La prelego de Catherine translokas nin al la etoso de la 19-jarcenta Francio, por poste respondi al la demando: Kial Fernando de Diego elektis por traduki po verko de Balzac kaj de Maupassant?

Ĉar la konferenco okazas en lando de eksa Jugoslavio, ja ne povis manki prelegoj pri originala kaj tradukita literaturo en esperanto el tiu regiono de Eŭropo, kiun interese prezentas al ni Josip Pleadin.

Dum ĉiuj prelegoj sur la vizaĝoj de aŭskultantoj pentriĝas granda interesiĝo. Ni, komencantinoj en la esperanta literaturo, ensorbas la scion fluantan el la buŝoj de la prelegantoj. La vojaĝo tra la literaturo, La organizo de la tago dum konferenco tre plaĉas al ni. De la mateno ĝis la tagmanĝo ĉiutage okazas prelegoj kaj posttagmeze estas tempo por ripozi aŭ ekskursi al proksimaj urbetoj, admiri kastelojn, kaŝitajn monaĥejojn inter montetoj, antikvajn vilaĝojn –kiuj montras al ni la malnovan historion de ĉi tiu regiono. Ĉiuj partoprenantoj de IEK tre ŝatas la ekskursojn kaj volonte kunpartoprenas. Eĉ subita, intensa hajlado en iu tago, ne malhelpas nin ekskursi. Ĝi estis ne hajlo, sed hajlego! Neniu tiutage povas kredi

siajn okulojn antaŭ hajleroj grandaj kiel kokinaj ovoj! La hajlado daŭris nur minutojn, sed difektis la aŭtojn de la partoprenatoj de IEK. Tamen post la unua esploro de aŭtoj, reciprokaj konsiloj, ni ĉiuj decidas daŭrigi niajn ekskursojn al la interesaj lokoj.

Antaŭlasta vespero. Hodiaŭ Viŝnja invitas la malgrandan slovenan koruson *Ivan Grbec* de Servola, kaj la konatan serban aktoron Saŝa Pilipoviĉ. La koruso kantas al ni en esperanto popularajn slovenajn kantojn, kiuj tre plaĉas al ĉiuj. Iuj eĉ murmuras la melodiojn kantatajn de la koruso. La kantoj ĝojigas nin. Saŝa amuzas nin deklamante poeziajn, ŝercajn tekstojn, skeĉojn. Inter versoj, Saŝa ofte ludas gitaron kaj kantas por ni. Ĝi estas belega vespero.

La lasta tago de IEK: grava tago. Sonorilo. Anne, denove kun afabla rideto, invitas ĉiujn al la salono. Okazos voĉdono, kiu elektos premiotan libron. Kompreneble la voĉdono estas sekreta. La solena etoso estas sentebla de la mateno. En la kunveno partoprenas nur anoj de IEK. Ni, novaj anoj, ankaŭ povas partopreni en ĝi. La kvin librojn-kandidatojn por la premio konas ĉiuj. Ni devas voĉdoni por unu libro. Adamo, filo de Paŭlo fiere kolektas voĉdonilojn en ĉapelon kaj tre zorge kunportas ilin al la tablo de la komisiono. Ĉe tia agado Adamo sentis sin granda gravulo. Li estas fiera pri sia nova rolo, kiun li nun plenumas. Kaj ni kore kaj kortuŝe observas lin en ĉi tiu grava agado. Post kalkulado de ĉiuj voĉoj, oni elektas la libron: *Komputika leksikono* de Sergio Pokrovskij: li gajnas la ĉi-jaran premion. Poste ĉiuj ĝoje kaj plezure surskribas belan bondeziron al la aŭtoro de la premiita libro.
Kaj poste... poste... alvenas la tempo de adiaŭo. Iuj jam forveturis, aliaj prepariĝas al forveturo. Malfacila momento. Ĉi tie, dum unu semajno, ni vivis kiel familianoj. Kaj nun... ni devas disiĝi, sed ni renkontiĝos post unu jaro, en Hungario.
Ni tri forvojaĝas lastaj kaj ridante ŝercas, ke ni fermas la pordojn de la konferenco. Sed antaŭ ol ni tion faras, en la tago de nia forveturo, ni ricevas de la laboristoj de la lerneja kuirejo grandan adiaŭan kukon. Ili ĝin bakis speciale por ni. Ĝi estas tre bongusta fromaĝa kuko, bakita laŭ tradicia slovena recepto. Vere, tre bongusta! La elkora gesto de la laboristoj tre kortuŝas nin.

Nun, restas nur memoro pri ĉi tiuj belaj tagoj, kiujn ni travivis en Slovenio kaj fotoj, kiujn nun ni trarigardas kun granda plezuro revenante en pensoj al geamikoj, kiujn ni renkontis dum IEK.

Ni dankas al ĉiuj pro la belaj prelegoj kaj etoso dum la tuta konferenco. Kaj sekrete ni diros al vi, ke nia studentino Marzenka ekŝatis esperanton kaj esperantajn geamikojn, kiujn ŝi renkontis en Slovenio. Ni esperas, ke ŝi pligrandigos la rondon de la esperantistoj.

Ĝis la revido, post unu jaro, en Hungario!

*Teresa Liberska kaj Krystyna Worobiej*

(Pli longa versio de ĉi tiu artikolo aperis en *La Gazeto*, n-ro 138. Ĉi tiu resumo aperas en *Boletín* dank' al la afabla permeso de la aŭtorinoj kaj de la redaktoro de *La Gazeto*.)

# La Unua Libro de Esperanto en Hispanio

*Enkonduko*

Dum la okdejaj jaroj de pasinta jarcento mi kolektis informojn pri la praorganiza movado de Esperanto en Hispanio. Tiam tiu tasko estis iom komplika afero, ĉar oni bezonis rekte konsulti arĥivojn kaj bibliotekojn. Tial mi petis helpon al diversaj enlandaj esperantistoj kaj ĉiu pretis helpi, kvankam kompreneble la rezulto ne ĉiam estis kontentiga. Mi speciale memoras forpasintajn samideanojn José Fernández Arroyo, el Madrido, kiu atingis informojn pri Esperanto en oldaj eldonaĵoj; Félix Navarro Clemente, el Valencia, efika esploranto en tieaj bibliotekoj kie li trovis oldajn lernomaterialojn[1]; kaj Luis María Hernández Yzal kiu sendis al mi kopion de lernolibro de José Rodríguez Huertas, la unua libroforma propono pri reformoj de Esperanto[2]. Pri serĉado en esperantaj revuoj sukcese helpis Ana María Molera Urgellés. En Malago mia helpanto estis Andrés Martín González. Kaj mi petas senkulpigon pri aliaj helpantoj ne menciataj.

Intertempe, la situacio por esplorado multe pliboniĝis. Enkomputiligo de katalogoj estis la unua afero kiu faciligis esploradon. Sed, lastatempe oni komencis enkomputigi kaj ciferigi tekstojn, tiel ke nun la esplora tasko estas pli facila kaj eĉ eblas aranĝi el propra hejmo.

Unu el plej avangardaj projektoj tiu sence, sed ne la unika, estas Europeana[3]. Legindas tiu artikolo, kiu priskribas ankaŭ jurajn problemojn de ciferecigo lige kun aŭtoraj rajtoj. Alia estas tiu menciata de Ana Manero[4], enkadre de alia pli grava projekto por cifereci parton de la enhavo de la Nacia Biblioteko. Ankaŭ menciindas agadon de Google. Arĥivoj, bibliotekoj kaj eĉ privataj kolektoj klopodas antaŭenigi enkomputigon kaj ciferecigon kaj tio ja estas granda avantaĝo por esplorado. Ankaŭ por Esperanto.

*Alveno*

Laŭ Adam Zakrzewski[5], la *Unua Libro* de esperanto aperis la 26-an de julio 1887 (cenzurita la 2-an de junio) kaj estis eldonita en rusa lingvo. Poste, aperis eldono en la pola la 6-an de septembro (cenzurita la 25-an de aŭgusto). La franca eldono estis cenzurita la 24-an de septembro kaj la germana la 2-a de novembro kaj ambaŭ aperis samdate, la 24-an de novembro 1887.

Tradicie oni akceptas ke eklerno de Esperanto en Hispanio okazis pere de francligvaj lerniloj. Certas ke, el tiuj menciitaj eldonoj la lingvo plej bone konata de hispanoj estis ĝuste la franca.

Kaj la nun pli favora esplorado montras al ni la tujan alvenon en Hispanio de la *Unua Libro*. Antaŭ la jarfino jam aperis mencio pri la alveno de la franca eldono en la redakcion de madrida revuo[6]. Ĝia recenzo estis menciita kiel “kurioza filologia studo”:

“**LIBROS PRESENTADOS Á ESTA REDACCIÓN POR AUTORES Ó EDITORES**

**Langue Internationale**, préface et manuel complet, par le Dr. Esperanto (por *Franc, o, j*). Curioso estudio filológico, publicado en francés, ruso, polaco y alemán. Varsovia, librería de los Sres. Gebethner et Wolff.”

Sed tiu ne estas la sola informo pri la alveno de la unua libro en nian landon, ĉar ni trovis ankaŭ alian, kie oni esprimas la opinion ke la detala laboro de D-ro Esperanto meritas atentan legadon, ĉar tiu verko enhavas la bazojn de internacia lingvo al kiu eblus traduki sciencajn kaj literaturajn verkojn:

**Langue internationale**, por el DR. ESPERANTO.- *Varsovia*, 1887. — *En 8.º, 48 páginas. Precio, 50 céntimos*.

Merece atenta lectura el detenido trabajo del Dr. Esperanto, porque en él se sientan las bases de una lengua internacional á la que podrían traducirse las obras científicas y literarias.[7]

*Unua hispana esperantisto*

Tiu *Unua Libro* enhavis jenan tekston: «Mi subskribita, promesas ellerni la proponitan de d-ro Esperanto lingvon internacian, se estos montrita, ke dek milionoj personoj donis publike tian saman promeson”[8].

Kaj la unua hispana homo konata pro sia intereso por Esperanto estas la kantabro S-ro Joaquín de Arce Bodega, la unua kiu sendis tiun promeson kaj tial li estas konsiderata kiel unua hispana esperantisto, ĉar lia nomo kaj adreso jam aperis en la unua esperanta adresaro, kiu enhavis la nomojn de la unuaj mil personoj lernintaj(?) la lingvon, aŭ almenaŭ apogante ĝin[9].

Tiam li aperis jene: **de Arce Bodega, Joaquín**, profesoro. Madrid, San Vicente Baja, 60. Hispanujo.

S-ro Joaquín de Arce Bodega[10] naskiĝis la 21-an de novembro 1845, filo de José de Arce kaj María Braulia de la Bodega. Li estis baptita la 23-an de sama monato kaj jaro en la preĝejo Santa María, de Bárcena de Cicero, en tiamaj juĝo-distrikto de Entrambasaguas kaj provinco de Santander, nun Aŭtonoma Regiono de Kantabrio[11]. Li havis la Abiturientan priartan titolon de Teologia Fakultato kaj estis Licenciulo pri Filozofio kaj Beletro.

Sub titolo *Charada*[12], li verkis poemeton.

En 1871, li tradukis el la franca en la hispanan verkon de Henri-Dominique Lacordaire (Recey-sur-Ource, 12 majo 1802 - Sorèze, 20 novembro 1861), kiu aperis sub jena titolo: *La Divinidad de Jesucristo demostrada por el Emperador Napoleón I, en Santa Elena*, kun notoj de tradukinto[13].

Ni trovas lin jam en 1875, verŝajne loĝanta en Madrido, kiel subskribanto de politikaj manifestacioj favor al la Konstitucia Partio[14]. Tiu sama jaro ni ree trovas lin kiel unu el la delegitoj de la distrikto “Palacio”, en Madrido[15].

S-ro Joaquín de Arce Bodega ne akceptis la proponon por enpostenigo kiel kasisto de Hispana Filologia Societo kaj tion li diris al tiama prezidanto[16].

En *Círculo Filológico*, strato Hileras, 6, en Madrid, prelegis S-ro Joaquín de Arce Bodega, la 30-an de septembro 1884, pri *La importancia de la lengua hebrea en la ciencia filológica*[17].

En 1885 li estis prezidanto de la volapukista societo en Madrido, kies adreso estis en “calle de la Reina, 11, 3º dra.”[18].

Li atingis diplomon pri volapük komence de 1887 (januaro-februaro) kaj poste ankaŭ lia frato Jesús María. Oni mencias volapukajn societojn en Madrid (novembro 1885); Bilbao (decembro 1886); Guadalajara (S-ro Francisco Fernández Iparraguire[19]) kaj Santander (aŭgusto 1887); Málaga (profesoro José Rodríguez Huertas; sidejo: Almacenes, 12; januaro), Pamplona kaj Pontevedra (D-ro Heliodoro Fernández Gastañaduy[20]; septembro, 1888); ankaŭ en Barcelona, Coruña kaj Sevilla.

En la listo de donacintoj por la Katedralo de Nia Sinjorino de la Almudena, en Madrido, li aperas kun mencio ke lia donaco estas por ŝtono 357 de la 12-a vico, kaj ĝia "kosto" estis 100 pesetoj[21].

Ĵurnalo *El Globo* informas pri forpaso de sacerdoto Jesús María de Arce Bodega, kaj tie informas ke li estis frato de S-ro Joaquín de Arce Bodega, estro de la arĥivo kaj biblioteko de Senato[22].

Post kelkaj monatoj forpasis ankaŭ S-ino Benita de Arce Bodega kaj madrida ĵurnalo esprimas sian kondolencojn al S-ro Joaquín de Arce Bodega, lia frato[23].

La reganta reĝino subskribis la 25-a de januaro 1898, dekreto per kiu ŝi honorigis S-ron Joaquín de Arce Bodega, arĥivisto kaj bibliotekisto de Senato, per nomumo kiel administra supera ĉefo[24].

La 3-a de septembro 1910 S-ro Joaquín de Arce Bodega skribis leteron, el Madrido, al S-ro Marcelino Menéndez Pelayo por rekomendi S-ron José Gómez Ruiz[25].

Atingis S-ro Joaquín de Arce Bodega laboran emeritiĝon komence de 1915[26].

Sed ni preskaŭ nenion diris pri liaj por aŭ per esperantaj agadoj. Ni nur trovis jenan mencion: "La unua hispana homo kiu, verŝajne, interesiĝis pri Esperanto en nia lando estis S-ro Joaquín de Arce y Bodega, bibliotekisto de la hispana Senato en Madrido, kiu respondante al publika alvoko de D-ro Zamenhof por lerni la lingvon, skribis al la Majstro, kaj ricevis de li, eble, tri ekzemplerojn de lia gramatiko. Arce y Bodega sendis unu el tiuj ekzempleroj al sia amiko José Rodríguez Huertas, instruisto loĝanta en Málaga; alia ekzemplero iris al la manoj de la montinĝeniero S-ro Ricardo Codorniu"[27]. Ĉi lasta estas D-ro Ricardo Codorniu y Stárico (Cartagena, 6-a junio 1846 - Murcia, 26-a septembro 1923), aŭtoro de verkoj pri Esperanto kaj ankaŭ tradukinto de franca lernolibro en la hispanan[28]; tamen, ni ne konstatis tiel fruan por esperantan agadon de S-ro Cordoniu kiel mencias supran paragrafon.

Ĉu tio sufiĉas por ke ni konsideru ke S-ro Joaquín de Arce Bodega estis la unua hispana esperantisto? Ja, li interesiĝis, sed ĝis nun ni ne sukcesis trovi plian agadon favore por Esperanto, aŭ almenaŭ similan agadon kiel li plenumis por volapük.

*La Unua Libro: ekzempleroj*

Laŭ niaj esploroj, en nia lando troviĝas oficiale, almenaŭ, du ekzempleroj kaj al supra informo aldoniĝas ke ĝi estas 20 cm. altaj kaj enhavas 48 paĝojn. Ĝia kontrolnumero en la *Catálogo Colectivo del Patrimonio Bibliográfico Español* estas CCPB000310390-0. Tiuj ekzempleroj troviĝas en la bibliotekoj de *Real Academia de Ciencias Morales y Políticas*, en Madrido, kaj en la Urba Biblioteko de San Sebastián.

JUAN AZCUÉNAGA VIERNA



**Prilirika biografio de.....**

**Amalia Núñez Dubús**

Verkita de Antonio Marco Botella

daŭrigo

Kaj en majo de sama jaro ŝi publikigis en tiu gazeto ĉi tiujn du vaskajn rakontetojn:

–Legendo el vaska folkloro-

**La deveno de la vinberujo**.

Pravasko kuŝis iam sur herbejo dum printempa posttagmezo. Li ekdormis, kiam subite akra pikvundo en lia orelo lin revekis.

Li ne ekkoleris –vasko ja estas pacienca kaj pacema homo- sed li scivole serĉis la kaŭzon de sia ĝeno; ĝi estas ŝajne seka branĉeto. Li tamen deziris ĝin konservi, kaj vidinte birdoston, li metis tien la branĉeton kaj ekiris al sia hejmo.

Voje, li trovis leonoston, kaj pensante ke la branĉeto estus pli bone ŝirmita, li metis la birdoston, enterantan la branĉeton, internen de la leona osto.

Li daŭris sian vojiron kaj trovis azenan oston, li pensis, ke la branĉo estus ankoraŭ pli bone ŝirmata kaj metis en la azenan oston la leonan oston, enterantan la birdan oston, siavice enterantan la branĉeton.

La tri ostoj konservis sukon kaj fluidaĵojn, kaj post ol alveni hejmen, la vasko trovis, ke la branĉeto jam burĝonis. Li ĝin plantis kaj zorgis, kaj aŭtune li rikoltis la unuajn vinberojn, el kiuj li faris la unuan vinon.

El tiu vinberujo, nutrita de birda, leona kaj azena ostoj devenas ĉiuj vinberujoj.

Tial la homo drinkinta ĝian trinkaĵon, unue kantas kiel birdo, due batalas kiel leono kaj fine brutiĝas kiel azeno.

## La ŝtonoj de Rolando

Kiam Rolando, post la batalo Roncesvalles sentis sin mortonta, li, kolektanta sian restantan forton, volis supreniri plej altan Pirinean montpinton, por el tie lastfoje rigardadi la dolĉan landon Francujon, kie la bela Doña Alda, lia edzino, senpacience atendas lian revenon.. Sed, malforta kaj preskaŭ sensanga, la antaŭe fortikega kavaliro ne havis forton por alveni ĝis la montpinto, kaj sentante sin malfortiĝi, li devis sidi ĉe verda herbejo delikate etendita sur la monta deklivo. La monto estas ja altega. Rolando direktis sian rigardon al sudo kaj ekvidis la altan Monkajon, staranta meze de la Aragona ebenaĵo, ne malproksime el la popolhava urbo Zaragozo, kie loĝis la maŭra reĝo kaj la perfida Ganelono. Tia vidaĵo removigis lian koleron, la sango ekbolis en lia koro soifanta venĝemon. Li vidis apude grandegan monolitan ŝtonon kaj invokante Dion kaj sian amatan adzinon, li levis la ŝtonon per ambaŭ manoj, ekkriante: Ve! perfida Ganelon'. Kaj ve!, perfida urbo! Mi ne mortos antaŭ ol mi sentigos al vi la pezon de mia kolero! Sed, ĉu pro la perdita sango, laŭ kelkaj opinioj; ĉu pro tre proza kaŭzo –unu peco da bovina sterkaĵo restante sur tiu herbejo-, laŭ la vilaĝana opinio, la herkulesa batalisto glitis kaj la ŝtono, anstataŭ alveni ĝis la Aragonan urbon, falis en ian ajn Navaran valon.

Jen la legendo kiun, ekde Bidasoa ĝis Ebro kaj ekde Xaviz ĝis Aralar(*), rakontas la vaskaj kamparanoj, kiam ili intencas klarigi al fremdulo la devenon de la multenombraj menhiroj, kiuj troviĝas en la lando.

.

*(*) Nomoj de Navaraj montaroj.*

**Kaj jam en preskaŭ ĉiu numero de la menciita gazeto (1931-1936) venis ia kunlaboraĵo de Amalia, ekzemple aperis:**

-La Infanoj- "El militaj pentraĵoj" de Concepción Arenal (traduko).
"Devo" poemo de L. Hatisbonne (traduko)

"Pri mezepoka religia legendo" artikolo en originala prozo.
"Baskaj Proverboj" (traduko)
"El la hispana ĉefverko "Don Quijote de la Mancha",ĉapitro XLV, (traduko)
"La letero" (noveleto)
"Branĉa dimanĉo" (rakonto).
"La konsilĉetanto" (traduko)
"Landlimo" de Leopoldo Cano (poemo tradukita).
"La flutista azeno" de Tomas de Iriarte (poemo tradukita).
"Mensogaĵo" de Juan de Timoneda. (traduko).
"El vaska folkloro" (rakonteto).

Kaj en originala poezio ŝi verkis jenan poemon:

**LANFLORO**



Montras sin sur via vesto
plena de lum' kaj koloro,
kvazaŭ de l' printemp' atesto
ruĝa floro.

Helas en ĝi farbo ĉia,
brilas ĝi sur matenlumo
kaj la senton ravas ĝia
la parfumo.
Mi ĝin prenas en la mano:
Flugis mia revo kora!
Ĉar ĝi estas flor' el lano
Senodora.
Ankaŭ mi en infantempo
ĝojojn ŝatis mi infanan:
por l' florojn en printempo;
sed ne lanajn.

Florojn portis mi vivantajn,
kiel nun se oni portas,
florojn animposedantajn,
kiu naskas, velkas, mortas...
taŭgajn por produkti fruktojn;
kontraŭ forta uragano
taŭgajn por elteni lukton;
sed ne el lano.

Florojn, kiuj glaciiĝas
dum la vintro, sub doloro,
kaj somere elsekiĝas:
ne lanfloro.

Estas bela floro tia
la simbol' de tempo mia:
sub ĝi batas homa koro
kaj la sangon rapidigas
sen aromo, sen odoro,
ĝi nek sentas nek fruktigas
laŭ lanfloro.

Kiel oni povas konstati, al ŝi multe plaĉis la poezio, la legendoj kaj fantazioj, jen kial ŝi ofte kreis aŭ tradukis ilin. Jen unu plia:

**“LA TRIBOVINA TRIBUTO”.-** *(tradicia rakonto).*

Ĉiujare, la 13an de julio, okazas en la Pirenea intermonto Hemaz kurioza ceremonio, unika en Eŭropo, kies nomo estas la supra titolo kaj kiu koncernas al la ĉiama tributo farita kaj farota en la Valo Brotons –hodiaŭ apartenanta al la franca lando Bearne- al la vaska valo Erroncar (hispane Roncal) de la iam memstara regno Navarra, nun hispana provinco.

Gravaj historiistoj kaj beletristoj de ambaŭ landoj verkis pri ĝi, kaj –kiel okazas pri ĉiu antikva moro- oni povas certe fiksi nek daton, nek devenon, malgraŭ la klopodoj de la folkloristoj. Sendube, en la oficejoj de la koncernaj vilaĝoj oni posedis iam la protokolojn aŭ leĝajn dokumentojn; sed la vilaĝaj arkivoj plurfoje brulis dum la pasintaj jarcentoj, kaj nenian bazon donas al ni Historio. Oni devas do ekzameni la diversajn hipotezojn konservataj per ĝia fratino Tradicio, pli duba, sed pli alloga ol Historio mem.

Same ol en ĉia tradicia deveno –ekzemple pri starigo de Romo- oni povas elekti raporton por ĉia gusto; heroajn, privatan tragedion, komercan aferon...

Du malsamaj heroaj tradicioj ekzistas pri la tributo. Laŭ la unua, ĝi devenas el la barbaraj almilitoj. Kiam la Kimbrioj aŭ Cimbroj, je la 2a jarcento antaŭ Kristo, almilitis Hispanujon, la Baretons’anoj gvidis ilin tra la montaro. La Erroncari’anoj venkis la barbarojn kaj kondamnis iliajn helpintojn al ĉiama depago.

Dua epoka rakonto malfruigas la aferon je kelkaj jarcentoj. Ĝi prezentas la Baretons’anojn kiel malsukcesintajn venĝantojn de la morto de Rolando.

Plej sanga, sed kun la sovaĝa aromo de pratempa tragedio estas la tria deveno pri terura krimo. Erroncaria paŝtisto mortigis, pro pri bestaj disputoj Baretons’anon. La samvilaĝanoj de la mortinto eniris Erronkari-valon, surprize atakis la edzinon de la mortiginto, mortigis ŝin, tranĉis ŝian ventron kaj pendigis el arbo la ne naskitan idon. La Erroncarianoj, plenaj de kolero kaj venĝemo almilitis Baretonson, mortigis, bruligis kaj detruis, kaj revenis en sian valon nur post interkonsento pri depago.

Kaj la proza deveno rekonas en la tributo nur kontrakton de najbaraj gentoj, permesante al Baretons’anoj paŝti iliajn montaron sur la Erroncariaj herbejoj (*).

La leganto povas, laŭ sia gusto, elekti plej belan, plej artan au plej verŝajnan hipotezon. Pro tio ni ne diskutu. Nun, la depago estas oficiale starigita –el la jaro 1856- de la guberniestraroj de Hispanujo kaj de Francujo, tiel ke la franca Prefekto iafoje ne aprobis la buĝeton de Baretons (komunumo de Larre’) pro tio, ke ĝi ne enkalkulis la sumon por la aĉeto de la bovinoj.

Belega estas la scenejo: la montaro apartenas al la nomata Okcidentaj Pireneoj, sed jam proksima al la komenco de la meza parto aŭ Altaj Pireneoj. Intermonto Hernaz estas je 1800 metroj super marnivelo; apud ĝi staras altegaj pintoj, Antularra (france Anié), 2504 m.; Arlas 2.062 m. alta; pri kiu oni diskutas, ĉu ĝi apartenas al Francio aŭ al Hispanio, kaj la *Tablo de la Tri Reĝoj* (2.280 m.) tiel nomata ĉar ĝi staras en la angulo mem de tri landoj: Aragono, Navaro kaj Francio, tiel ke foje, laŭ tradicio, la tri iamaj reĝoj kune manĝis kaj interparolis, restante ĉiu en sia regno.

La Erroncariaj viroj surmetas tipajn vestojn, mallongan kalsonon; ilia prezidanto *orgarina'on,* speco de jako en nigra drapo borderita per helkolora rubando, kun larĝa blanka kolumo. La Baretonsa — bereton kaj kitelon. Ankaŭ ĉeestas taĉmento de hispanaj doganistoj kaj turistoj, ĉiujare pli multenombra, malgraŭ la granda distanco –20,5 kilometroj el Isaba, el kiuj 15 kilometroj nur piede aŭ ĉevale alireblaj.

Ĉefan rolon ludas la vilaĝestro de Isaba, (ĉefloko de Erronkari-valo) kiun oni nomas la "Prezidanto".

Jen la ordo, laŭ kiu tra jarcentoj kaj generacioj, la ceremonio okazas: unue la "Prezidanto" diras: -Sinjoroj, ĉiuj al sia lando-.

La tri francaj Baretonsaj vilaĝestroj tuj vicstaras kaj cetera publiko viciĝas post la Erronkariaj, meze aperas la ŝtono.

Trifoje la "Prezidanto" laŭte demandas: -Francoj, ĉu vi venas pretaj liveri la tri bovinojn?

Kaj trifoje la Baretonsaj respondas: -Jes, sinjoro-

Tiam, laŭ gesto de la "Prezidanto", Baretonsano antaŭeniras kaj metas sian manon sur la ŝtonon, sur tiun manon metas Erronkariano la sian; supren, alia Barentonsano; supren alia Erroncariano, kaj tiel alterne, ĉiuj reprezentantoj. Lasta etaĝo de tia vera manturo estas mano de Isaba vilaĝestro; tiu diras trifoje, kaj trifoje la francoj respondas:

-Pax avant! (Paco antaŭen)

Ni rimarku ke la parolo estas ankaŭ internacia "Pax", kiu estas nek vaska, nek hispana, nek bearna, nek franca, sed latina vorto. Avant ja estas vorto franca.

Oni demetas la manojn, kaj la Baretonsanoj prezentas la brutaron, el kiu la Erronkaria veterinaro elektas tri bovinojn "samfelajn, samdentajn kaj samkornajn".

Tia estas la ĉefa ceremonio, sed ĉar estas sur la montoj, paŝtejoj kaj herbejoj komunaj por hispanoj kaj francoj, oni elektas kvar gardistojn, po du por ĉiu lando, kiuj tuj ĵuras sian devon. Kaj la reprezentantoj iĝas Tribunalo, prezidata de la Isaba vilaĝestro, por aŭdi la plendojn pri la paŝtistaj aferoj okazintaj dum la jaro. Ties juĝo estas neapelaciebla.

daŭrigota

